APETo – Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

N-ro 01 oktobro 2012

## Frontartikolo / *éditorial*



La jaro 2012 markas la 125-an datrevenon de la apero de la unua libro de Esperanto.

2012 markas ankaŭ la 25-an jariĝon de la togolanda Esperanto-movado: Unuiĝo Togolanda por Esperanto.

UTE estas lanĉita en 1987 kiel asocio kiu malfermas al gejunuloj kiuj aliĝas al la ideo de Esperanto, esprimejojn de parolo, de ago kaj de kreemo.

Ĉi tiu naskiĝdatreveno ebligas al ni memori kiom la pioniroj de la movado pruvis komprenon, takton kaj kuraĝon por komenci la movadon en lando kiu, tiutempe, estis ne pluralisma.

Por teni la gvidlinion kaj evolui "malrapide sed certe", estis necese, krom reliefigi kvalitojn menciitajn supre, montri multe da bonvolo, disponeblo kaj sincera entuziasmo.

Povas soni banale diri ke la batalo por ke la movado en Togolando plenumu iujn de ĝiaj ambicioj estis malfacila. Sed pripensante bone, ni povas laŭdi la fakton ke ĉiun fojon kiam la strukturo estis skuita, ni povis uzi la turmentojn de nia fragileco kiel eksperimentojn por antaŭeniri. Ni omaĝas al ĉiuj volontuloj kiuj partoprenis en la historio de la movado togolanda kaj ankaŭ al tiuj, kiuj pluigas ĝin.

Hodiaŭ, nia nacia movado aspektas bone organizita. Kaj niaj agoj estas videblaj. La jaroj pasas rapide, homoj ankaŭ, sed restas ĉe ĉiu esperantisto la forto daŭre teksi la fadenon de idealoj kiuj motivas nin.

**Adjévi Adjé**

*L'année 2012 marque le 125è anniversaire de la publication du premier manuel d'Espéranto.*

*2012 marque aussi le 25e anniversaire de la création du mouvement national togolais: Union Togolaise pour l'Espéranto.*

*UTE a été lancée en 1987 d'abord comme une association qui ouvre aux jeunes qui adhèrent à l'idée de l'Esperanto, des espaces de parole, d'action et de créativité.*

*Cet anniversaire nous permet de rappeler combien les pionniers du mouvement ont fait preuve de lucidité, de tact et de courage pour lancer le mouvement dans un pays qui, à l'époque, n'était pas pluraliste.*

*Pour maintenir le cap et évoluer "lentement mais sûrement", il a fallu, sans se départir des qualités précédemment énumérés, faire preuve de beaucoup de bonne volonté, de disponibilité et d'engouements sincères.*

*Il peut paraitre banal de dire que le combat mené pour que le mouvement remplisse certaines de ses ambitions a été rude. Mais avec le recul, nous pouvons féliciter du fait qu'à chaque fois que la structure a été ébranlée, nous avons su utiliser les tourments de notre fragilité comme des expériences pour avancer. Nous rendons hommage à tous les bénévoles et à tous les volontaires qui ont pris part à l'histoire du mouvement national et aussi à ceux qui perpétuent le combat.*

*Aujourd'hui, nos fondements semblent solides. Et sur le terrain, nos actions restent visibles. Les années passent vite, les gens aussi mais il demeure au niveau de chaque espérantiste la force de continuer à tisser le fil des idéaux qui nous mobilisent.*

***Adjévi Adjé***

## Esperanto ĉe radio « Lumière » en Aneho

Kadre de la 125-jariĝo de Esperanto,Tietti Instituto de Esperanto en Togolando (TIETo) pere de siaj membroj SAGBADJELOU Kokou kaj ATTIOGBE-AGBEMADON Mensah B. diskonigis la internacian lingvon al la popolo de la malnova togolanda ĉefurbo « ANEHO » kaj ties ĉirkaŭaĵoj ĉe la loka radiostacio "Radio Lumière'' FM 96.7 tra reklamo, kiu invitis la neesperantistan tavolon tuj enskribiĝi por la eklerno de la lingvo Esperanto.

La elsendo okazis dutage semajne dum la ĵus pasinta aŭgusto. Dum vespera elsendo tre ŝatata de multaj geaŭskultantoj, okazadis tridekminuta diskutrondo, dum kiu ĵurnalistoj de tiu radiostacio faradis multajn demandojn pri Esperanto, kiujn respondadis s-roj ATTIOGBE-AGBEMADON Mensah Biova kaj SAGBADJELOU Kokou. Ne nur la du membroj de TIETo respondadis al la demandoj, sed ili klarigis multon pri Esperanto, kial estas necese posedi tiun ĉi pontlingvon, kiel estas tre facile ĝin lerni, kie ĝin lerni senpage.

Tuja rezulto de tiu agado estas, ke kvar personoj entuziasme eklernis la neutralan lingvon ekde la 3-a de septembro 2012, kaj estas planata Esperanto-kurso ene de la radiostacio por verdigi la tutan stabon de tiu ĉi radiostacio.



**Kasisito de TIETo: SAGBADJELOU Kokou**

# Unumonata esperantumado kaj trejniĝo en Burkino




Volontuli ĉe la organizaĵo «Orange Bleue Afrique», instrui Esperanton al ĝiaj membroj kaj lerni fari toŭfuon ("fromaĝo" el sojo) estis kerna parto de miaj planoj al Vagadugu en Burkino de la 12-a de aŭgusto ĝis la 6-a de septembro 2012.

La ideo formiĝi pri la produktado de tofuon jam impresas min interese. Precipe al homo kiel mi, deziranta akiri pli da scioj pri naturnutraĵoj. Spronis min la dokumenta filmo titolita en la franca lingvo: «lokaj solvoj por tutmonda mal-ordo». Kroma perspektivo certe pli valora estis instrui Esperanton al lokuloj kaj formiĝi pri tofuo.



Preparado por tiu vojaĝo okazis dum kelkaj monatoj en la kapo. Fine, en julio, danke al interkonsento (per kiu mi gastiĝos senpage en la sidejo de la organizaĵo kontraŭ intensa instruado de la lingvo al grupo de ĝiaj laboristoj) kun la internacia kunordiganto de OBA, Hassan Aslafy, mi povis atingi Burkinon, kie ekis mia monata esperantumado kaj trejniĝo. Ĝia unua ŝtupo kondukis min al la konatiĝo kun ĉiuj oficistoj de OBA, prezento al ili en la franca pri ĉiuj aspektoj de la lingvo de ties naskiĝo ĝis 125-a jariĝo.

La kurso kiun mi gvidis konsistis el 2-3 hora leciona lernado dum ĉiu labortago. Ĝi disvolviĝis en unu el la ĉambroj en la sidejo de OBA, la laborejo de la kursanoj. Partoprenis en la kurso de komenco ĝis la fino averaĝe 5 funkciuloj. Krom lerni la instruajn materialojn preparitajn speciale por tiu kurso, kiujn mi ĉiutage adaptis al la situacio kaj bezonoj, la kursanoj finlernis la libron metodo 11, kiun ĉiuj ricevis. La sukceson de mia instrua laboro kompletigis filmo *Pasporto al la tuta mondo* kaj KD en Esperanto kaj havigo de utilaj retligoj al partoprenintoj.

La kursanoj ĝojis konatiĝi kun la internacia lingvo en tiu escepta kondiĉo, ĉar Esperanto estas nun la realo por ili. Ĝi signifas komunan lingvon pere de kiu ili planas ekhavi kulturajn kontaktojn kaj kunlaborojn tra la mondo por atingi amikecon kaj bonvolon. Pluraj partoprenintoj relative ekuzas la lingvon en simplaj diskutoj kaj prezentoj.

Kroma menciinda sperto en tiu periodo estis la persona renkontiĝo kun Antoine Drag, la sola esperantisto en Burkino antaŭ la kurso (li loĝas en la urbo Garadugu ĉirkaŭ 240 km de la ĉefurbo kaj mem lernis la lingvon, dum li vivis en Ebura Bordo en la 1980aj jaroj) kaj sendo de informoj rete al duondeko da gazetoj en la ĉefurbo kaj intervjuo al privata radio Horizon pri Esperanto.

La trejniĝo en la fabriko de tofuo estis interesa sperto, kiu ne nur streĉis la muskolojn kaj la cerbon sed ankaŭ ebligis al mi lerni fari lakton, tofuon kaj kiel konservi ilin. En Vagadugu validis por mi la devizo "tage, studi kaj instrui; nokte, amuziĝi". Inter partopreno en vesperaj babiloj kaj diskutoj kun junaj burkinoj kaj deĵoro en la ekologia butiko, eblis al mi kleriĝi pri pluraj teknikoj de vendo, kutimo de lokuloj ligitaj al la lando, kio riĉigis mian restadon.

Resume, mi havis riĉan rikolton de scioj, tre gravaj por mia esperantista vivo kaj ĉefe la taskoj, kiujn mi kunplenumis vere helpis min solidigi miajn sciojn kaj disvolvi novajn. Tiun klerigan aventuron en Burkino kronis kunmanĝo tagon antaŭ mia reveturado. Kvazaŭ rekompencon pro mia kunlaboro, jen OBA donacis al mi paketon de kalcio necesa por kazeigi la lakton, iuj ankoraŭ montris deziron viziti mian landon. Tiu ĉi instrua aventuro mia okazis kadre de "Esperanto Plus", provprojekto por disvastigi Esperanton kaj subteni junajn afrikajn instruemulojn en sia regiono. Eblas rigardi la unuajn esperantistojn en Burkino per:http://youtu.be/z3vE6WSp8Bw

Burkino: "lando de honestaj homoj" estas kvarfoje pli granda ol Togolando. Temas pri parlamenta respubliko kun sia prezidanto Blaise Campaoré ekde 1987. La oficiala lingvo estas la franca, sed ankaŭ oni parolas More, Dioula, Gourmantche kaj multajn aliajn lingvojn. La loĝantaro konsistas el 60 malsamaj etnaj grupoj (Fulani, Tuarego ktp), kies rakontoj, kutimoj, muzikoj kaj arta lerteco ankoraŭ tre vivantaj konsistigas senfinan fonton de malkovro por scivolema vojaĝanto pri aliulo.



La flago de Burkino: la ruĝa koloro simbolas la socialisman revolucion, la verda la landan riĉecon (mineralon), la kvinpinta stelo, lumon kiu gvidas la revolucion.
La verda, ruĝa, flava koloroj estas ankaŭ tut-afrikaj koloroj.

**Adjévi Adjé**

# Alvenis reagoj



Mi ĵus legis la revuon Babilanto kaj mi trovis ĝin tre interesa. Mi instigas vin daŭre informi al ni pri novaĵoj pri la Esperanto-movado en Togolando kaj aliloke. Mi subtenas plene tiun vian novan iniciaton kaj volonte reprezentos ĝin en Usono. Bonan daŭrigon al vi.

**Moise (Usono)**

Saluton Adjevi!
Mi sendas tiun mesaĝon el Esperantio: mi estas en Slovakio en la esperanto-aranĝo SES por gvidi kurson :)
Post mia reveno hejmen, mi legos kun granda intereso vian bultenon. Dankon pro sendi ĝin al mi!
amike,

**Kristof (Francio)**

Gratulon al vi pro la nova revueto! Mi fakte dirus eĉ "revuo", certe vi devas dediĉi al ĝi multe da tempo. Homoj ofte ne imagas, kiom da tempo kaj energio tiaj "malgrandaj" projektoj kostas. Mi esperas, ke vi sukcesos ankaŭ daŭrigi!

**Vladka (Belgio)**

Mi estas tre feliĉa partopreni al tiu projekto, precipe ĉar vi jam montras grandan investon por sukcesi en via 'nova' laboro. Mi tre ŝatas la revuon 'Babilanto', kaj mi certe uzos por instrui al miaj gelernantoj en mia urbo.

**Véro (Francio)**



Félicitation!!! BABILANTO va nous informer sur les activités des espérantistes. Profitons-en pour mieux faire connaître l'Espéranto autour de nous! Je vous souhaite bon vent.

**Aicha (Togolando)**

Do jen unua kontakto inter ni.
Mi esperas, ke ni fruktodone kaj amike kunlaboros por Esperanto.

**Claud (francio)**

Mi ĝojas pri tiu projekto kaj subtenas al ĝi. Vi estas certe la «bona ŝono» sur kiu Esperanto en Afriko kreskos.

**Michel (Francio)**

# Plenumita misio en Vagadugu, Burkino

12 aŭg – 6 sept 12 Adjévi Adjé formis grupon de 5 laboristoj de la NRo *Orange Bleue Afrique* al Esperanto kaj formiĝis pri fabriko de tofuo en Vagadugu, Burkino. Sur la jena blogo de tiu organizaĵo http://blog.lorangebleue.org/categorie/esperanto en la reto eblas legi en la franca la sekvon:

Nia esperantista amiko Adjévi Adjé de Lomé, Togolando, pasigis la monaton de aŭgusto en la sidejo de Orange Bleue Afrique en Vagadugu kun du celoj: lerni fari "fromaĝon" el sojo kaj lernigi Esperanton al grupo de Oba funkciuloj! Misio plenumita!

Lernantoj de Esperanto Oba!




## Por la novenaskito

Ĝi naskiĝis, Babilanto!
Tremante
Sed brave je koro
Ĝi naskiĝis, Babilanto!
Tutserene
Ĝi faras la unuan paŝon
Ĝi venis al ni ĉiuj:
Esperantistoj, neesperantistoj
Kaj ĉiuj aliaj.
Malfermu al ĝi niajn brakojn
Donu al ĝi lokon.
Ĝi naskiĝis por informi nin
Kaj nin interesigi pri Esperanto.
Jen pri kiu ni revis
Tiom en Lomeo
Jen ĝi: BABILANTO

## Pour le nouveau né

Il est né, Babilanto!
Tremblant
Mais vaillant de cœur
Il est né, Babilanto!
Tout serein
Il fait le premier pas
Il vient à nous tous:
Espérantistes, non espérantistes
Et tous les autres.
Ouvrons lui nos bras
Offrons-lui une place.
Il est là pour nous informer
Et nous sensibiliser sur l'Espéranto.
Voici celui dont nous rêvons
Tant à Lomé
Le voici: BABILANTO

Ĉiuj kontribuoj, en la franca kiel en Esperanto, estas bonvenaj
*Toutes les contributions, en français comme en Espéranto, sont les bienvenues.*

Sendu al ni viajn artikolojn kaj fotojn
*Envoyer-nous vos articles et photos.*

Ĉiuj artikoloj de *Babilanto* estos baldaŭ afiŝataj en la reto sur blogo, kie eblos ĉiam lasi komentojn
*Tous les articles du* Babilanto *seront bientôt mis en ligne sur le blog où il sera toujours possible de laisser des commentaires.*

**Multaj deziras legi en Afriko *BABILANTO* sed ne ĉiuj havas retaliron. Via donaco al ni helpos sendi al ili la paperan informilon. Antaŭdanke.**

## Résolution du 97e Congrès Mondial de l'Association Universelle d'Espéranto

125 ans après son lancement, l'espéranto construit des ponts vers un monde plus juste et plus pacifique.

Réunis à Hanoï du 28 juillet au 4 août 2012, plus de 800 participants en provenance de 62 pays ont confirmé l'importance de l'utilisation d'une langue construite sur les idéaux de paix, d'amitié et de respect mutuel.

Pour des personnes issues de pays et d'horizons sociaux les plus divers, l'espéranto propose un outil pratique et performant pour des contacts directs menant à la découverte de l'autre et à de profondes amitiés.

Pour un monde où abondent encore les conflits et les injustices, l'espéranto propose une culture de paix à laquelle contribuent des hommes et des femmes de tous les continents dans un esprit de collaboration équitable.

Pour la communauté internationale qui s'efforce d'atteindre les Objectifs du Millénaire pour le Développement, buts fixés par l'ONU, l'espéranto propose une voie intéressante pour un partenariat mondial au sein duquel collaborent non seulement des Etats avec des Etats, mais des personnes humaines avec des personnes humaines.

125 ans après son apparition, l'espéranto est de plus en plus utilisé comme pont vers l'amitié, la paix et le développement ; cette évolution est accélérée par l'extension d'un autre moyen de communication mondial : Internet. On peut le constater entre autres par l'ajout de l'espéranto comme 64e langue dans l'outil de traduction de Google.

Nous invitons tous les citoyens et citoyennes de tous les pays à utiliser et à consolider ce pont, dans le but de créer un monde plus juste et plus pacifique où s'épanouissent et cohabitent toutes les langues et toutes les cultures.

Redaktanto/ Rédacteur:
Adjé Adjévi
Poŝkesto: 06 BP 61807, Lomé-TG; Tel : +228 90 25 75 49
E-mail : adjevia@gmail.com

# Multas nomoj

Kion signifas *Koku*, mia nomo? Por rekoni nin nunu disde la alia, ni uzas diversajn nomojn. La nomado okazis plej ofte jam en la infanaĝo, tuj post la naskiĝo.
Laŭ ofta maniero en Togolando, gepatroj aŭ familianoj nomas siajn infanojn laŭ okazaĵoj aŭ ĉirkaŭaj aferoj, kiuj memorigas pri ilia samtempo. Kiel malsimilas lingvoj, tiel malsimilas ankaŭ la manieroj nomi homojn de grupo al grupo, de regiono al regiono, kaj eĉ iuj manieroj troviĝas en aliaj landoj.
En la suda parto de Togolando, simpla maniero nomi homojn estas laŭ iliaj naskiĝtagoj. Tiu ĉi maniero estas populara kaj konata al multaj homoj. Jen sube kiel oni nomas homojn laŭ la tago de la semajno, en kiu ili naskiĝis. *Koku* signifas do viron, kaj *Aku* virinon, kiu naskiĝis en merkredo. La viraj nomoj komenciĝis per *ko*, escepte ĉe ĵaŭdo, kaj la virinaj per *a*. Ĉu regule?

| Tago | Lun | Mar | Mer | Ĵaŭ | Ven | Sab | Dim |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **ŋkèkè** | *ĝoda* | *bladra* | *kudra* | *jaodra* | *fidra* | *momledra* | *kosidra* |
| **Vira** | Koĝo | Kobla | Koku | Jao | Kofi | Komi | Kosi |
| **Virina** | Aĝo (a) | Abla | Aku | (A)jaoa | Afi | Ami | Akosioa |

## Gravaj Eveaj vortoj kaj frazoj

Saluton - **Me do gbé** [me do gbe]
Bonan matenon - **ŋdi** [nu'di]
Bonan vesperon - **ŋdɔ**
Dankon - **akpé**
Ĝis revido - **miaga kpé/ miagado go**
Jes - **Ɛ, ɛɛ**
Bonan nokton (dankon) - **Dɔ àgbè (yoo)**
Bonan vojaĝon (dankon) - **Mihédé nyuié (yoo)**
Pardonon - **tsɔ kèm**
Mi pardonpetas - **Mèlè tsɔtsɔ kè biàm mi**
Kiel vi fartas ? - **aléké nèfɔ dô ?**
Mi fartas bone - **mèfɔ nyuiéà**
Ĉu vi bone dormis ? - **Mièdɔ àlɔ nyuiéà ?**
Non **- ào**
Kiom - **ténié ?**
Kiom kostas tio ? **- nénié wodzràa nùsià ?**
Malbona - **bàdà, gbégblé, vɔ**
Ankoraŭ ne - **Ao hàdéo**
Mi ne komprenas kion vi diras **- nyémélè nùsi gblɔm nélé là gɔmè sèin o.**

## Humuro

Viro vizitas sian fianĉinon. Dume, tiu ĉi lasas lin en la salono por bani sin.

Post momento, la telefono de la virino sonas kaj la viro ĵetante rapidan rigardon sur la ekranon ekvidas, ke la nomo kiu aperas estas "AKVO".

Tio perpleksigas lin sed li tuj banaligis la aferon kaj daŭre atendas sian plej amatinon, kiu estas ankoraŭ en la duŝo.

Subite la dua alvoko revenigis lin de liaj pensoj kaj li trovas ke la nova telefonanto estas registrita sub la nomo "ELEKTRO".

Ĉi-foje la viro rapide faras ligon inter la du nomoj de alvokoj kaj por havi la koron puran pri sia propra situacio, li decidas alvoki la knabinon poŝtelefone kun sia numero.

Tiam li vidas aperi sur la ekrano nomo "LUOPAGO"...